Jaro IV/VIII. N-o 9 (45). Junio 1927.




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

FONDITA EN 1919

LITERATURO — SCIENCO — PEDAGOGIO

## ENHAVO:



**Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo 1 (USSR)**
**Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)**

# ŜTONISTOJ

I. FRANKO

*Mi sonĝis pri mirind': en lando inkognita*
*Ebenis vasta val'. En stranga maltrankvil'.*
*Mi staris en la val' per ĉeno katenita,*
*Ĉe la kolosa mont', ĉe alta rok' granita,*
*Kaj estis ĉirkaŭ mi aliuj samaj mil.*

*Sur ĉies kavis frunt' sulkaĵoj de mizero,*
*Dum fajris en okul' de ĉiu — amfrenez'*
*Kaj kvazaŭ serpenteg' la brakojn vindis fero,*
*Kaj klinis ĉiu sin humile al la tero,*
*Ĉar premis ĉiujn nin terura ia pez'.*

*Al ĉies forta brak' obeis fermartelo,*
*Kaj sonis ies voĉ' de la giganta ŝton'.*
*"Disbatu rokon ĉi! Nek frosto; nek degelo*
*Haltigu vin en ir' al la fiksita celo,*
*Disbatu monton vi — jen estas la ordon'!"*

*Kaj lerte en akord' ni levis fortajn brakojn,*
*Sur ŝtonon falis mil marteloj kun sonor'.*
*Rokeroj saltis dis — kaj aŭdis ni ekkrakojn*
*De la rompata rok', kaj novajn frapatakojn*
*Faradis ĉiam ni kaj kreskis la fervor'.*

*Simile al kaskad', al bruo de milito*
*Sonoris martelar' en peza harmoni'.*
*Per ĉiu nova frap' degelis la granito.*
*Signalis pri la venk' ekĝemo de vundito,*
*Sed malgraŭ ĉiu bar' antaŭen iris ni.*

*Kaj sciis nia ar': ni gloron ne akiros,*
*Nek dankon de homar' por tiu ĉi labor'.*
*Kaj sur ĉi tiu voj' nur tiam homoj iros,*
*Nur tiam, kiam ni per nia sango ŝmiros*
*Ĉi vojon, kiam nur la roko estos for.*

*Laboron ne pro glor' ni tiun entreprenis —*
*Io ne ĉirkaŭos nin triumfa aŭreol'*
*Ni estas sklavoj nur, volonte ni alprenis*
*Sklavecon pro liber', volonte ĉenojn trenis,*
*Ŝtonistoj iĝis ni por bono de popol'.*

*Kaj firma estis kred' ke pro labor-impetoj*
*Peciĝos la granit', rompiĝos alta mont',*
*Kaj ke per nia pen', per sango kaj skeletoj*
*Preparos vojon ni, kaj venos por proletoj*
*Alia hela viv', de feliĉego font'.*

*Kaj ankaŭ sciis ni, ke en la mond' alia,*
*Lasita por labor', turmento kaj katen',*
*Memoras nin en plor' la rondo familia,*
*Amik' kaj kontraŭul' en la koler' rabia*
*Pri nia sankt-afer' parolas kun malben'.*

*Ni sciis tion-ĉi — lamentis nia koro,*
*Doloris nia brust', animo pro sufer'.*
*Nek ploro, nek sopir', nek peno, nek doloro,*
*Nek amo, nek malben' nin logis de laboro*
*Kaj unu eĉ martel' ne falis al la ter'.*

*Kaj iras pluen ni en aroj, katenitaj*
*Do unu sola pens', martelas en ekstaz'.*
*Ni estu de la mond' pelitoj malbenitaj,*
*Sed luktas ni por ver' kun blokoj la granitaj*
*Kaj estos nia mort' por la feliĉo baz'.*

Tradukis el ukrainia lingvo *V. Sutkovoj.*



# SORTO DE LABORISTINO[1]

En okcident-bohemiaj kaolinminejoj[2])

IVAN DNCHON

*Superŝutis la knabinon*
*Blanka bloko da argilo.*
*Perdis floron de la vivo,*
*Ĝemplorante, la patrino.*

*La ĉagren' per dornoj premas*
*Koron de l' patrin'-vidvino,*
*Kies edzon ankaŭ iam*
*Entombigis kaolino.*

*Tra l' aero treme flugas*
*De la tur' sonora sono.*
*Sola restas la patrino,*
*Sen subteno, sen konsolo.*

*Kiam junan blankan korpon*
*Oni ĵetis sub la teron,*
*Cent malriĉaj laboristoj*
*Tuj rapidis en drinkejon.*

*Baldaŭ estis forgesita*
*Sorto ŝia kompatinda,*
*Ke ŝi pro profito fremda*
*Mortis por salajr' ridinda.*

*Ĉiam, kiam en minejo*
*Mortas iu dum laboro,*
*Gajaj estas samfartontoj*
*Ĉe muziko, alkoholo.*

*Ĝoje, sen postuli pagon,*
*Verŝas brandon drinkejestro —*
*Ĉiun ja elspezon pagas*
*Ruza min-administrejo.*

El la ĉeĥa trad. *Ulpano Erinazzo.*

[1]) El la kolekto "Na horké pude" (Sur brulvarma tero).
[2]) Kaolino = sablo por fabriki porcelanon.

# POLITIKO

Unuakta komedio

*DAVID PINSKI*

(Fino.)

Kanceliero: Mi estas ĉi tie por regi la popolon, sed ne esti regata de ĝi.

Flavulo: Vi estas ĉi tie, por plenumi nur kion la popolo volas kaj ordonas.

Kanceliero: Mi estas ĉi tie por gvidi la popolon kaj gardi ĝin kontraŭ malgvidantoj.

Flavulo: Vi ludas per fajro, ekscelenco!

Bluulo: Ha ha!.......

Kanceliero: Vi minacas min?

Flavulo: La popolo deziras militon kaj neniu detenos ĝin de tio.

Kanceliero: Via neatendita aŭdienco, miaj sinjoroj, finiĝis. Diru al la popolo —

Flavulo: Mi tuj al ĝi diros, kaj se vi volas vi povas aŭskulti, kiel ĝi akceptos la informon. (Rapidas al fenestro, malfermas ĝin kaj ekkriegas): Aŭskultu! aŭskultu! (Alproksimiĝas forta bruego je la strato — bruego de giganta amaso, kvazaŭ la bruego de grandega akvaro; oni aŭdas ekkriojn: Silentu! Silentu! fine silentiĝas). Aŭskultu! la kanceliero fine dicidis — (Ekstere giganta hurao.) Atendu! Atendu! Aŭskultu nur ĝisfine!

(Svingante la brakojn por silento. Nigrulo, Bluulo kaj Grizulo ankaŭ svingas la brakojn.)

Grizulo (per mallerta movado): Ŝ—sa, ŝ—sa, ŝ—sa, estu silento.

(Ekstere voĉoj: "Kviete! kviete! silentu!")

Flavulo: La kanceliero decidis, milito —. (Ekstere eksplodas pli forta hurao, oni aŭdas ĝojajn ekkriojn: "Milito! milito! milito!" Flavulo ree svingas la brakojn.) Ne! Ne! Aŭskultu! Aŭskultu!

Nigrulo (al la Kanceliero): Ĉu vi vidas?

Kanceliero (ekridas kapskuante. Ekstere ree la krioj "Silentu! silentu!" ekkvietiĝas).

Flavulo (ekkrias per sia tuta forto): Milito ne estos!

(Ekstere — mortkvieteco, kvazaŭ la popolo siajn orelojn ne kredis.)

Nigrulo (klinas sian orelon eksteren kaj levas sian fingron multsignife): La trankvilo antaŭ la ŝtormo.

Flavulo (krias): La kanceliero ne deziras militon. La amikeco de Turaneo estas al li pli valora ol la volo de lia popolo.

(Ekstere eksplodas la ŝtormo.)

Kanceliero: Tio estas incito! mi lasas lin arestigi!

Flavulo (krias): Supreniru. La kanceliero estas ĉi tie kun ni! Vi povas tion el lia buŝo klare kaj difine ekaŭdi.

Kanceliero: Tio estas invitado al sangverŝado. La gvardio ekstere uzos siajn armilojn. Vi tion al mi prirespondos. La sango estos sur via kapo.

Flavulo: Mi tion prenas sur min.

(Oni aŭdas barakton sube ĉe la pordo kaj granda amaso de Flavuloj, Nigruloj, Bluuloj kaj Grizuloj fine suprenkuras la ŝtuparon. Ili alpaŝas Kancelieron, antaŭ kiu ili ekhaltas kun minacantaj ekkrioj: "Militon! militon! militon!" La pordoj malfermiĝas kaj oficistoj ekaperas.)

Kanceliero (al la amaso): Kviete! — Ĉu vi opinias, ke vi min timigos per viaj krioj kaj alarmoj? Kion vi pensus pri kanceliero, kiu estus timigita per tia sovaĝa atako kaj malfortgenue tuj cedus kontraŭ vi? Sed vi min ne timigos, kaj mi faros, kion mi decidis por la bonfarto de la lando.

La amaso (eksplodas): Militon! militon! militon!

Kanceliero: Kviete! ne forgesu en kies ĉeesto vi troviĝas. Se vi volas kun mi paroli kaj de mi respondon aŭdi, vi ne devas kriegi kaj sin konduti kvazaŭ sovaĝuloj.

La amaso: Militon! militon! militon!

Kanceliero: Ĉu vi aŭdis miajn motivojn, kial mi estas kontraŭ la milito? Vi scias ke mi fervore min okupis pri la afero, mi la lastajn

Flavulo: Ha ha ha!

Kanceliero (kolere): Kial vi ridas?

Flavulo (impertinente): Pri viaj dudek kvar horoj.

Kanceliero: Kiel?

Flavulo (ekkrias): Virinon tie ĉi fervore li amindumis.

Kanceliero: Malnoblaĵo!

Flavulo: Ĉu vi ne vidis la virinon kiu ĵus eliris?

Voĉoj: Jes! jes! kompreneble! ni vidis! ha ha ha!

Kanceliero: Do, certe — vi ne deziras ke mi kontraŭ tio min defendu. Mi pruvu al vi ke mia edzino... (Eksplodas per furioza kolero.) For! for! Ne plu ia postsigno je vi ĉi tie restu! mi alvoku la gardistojn —

Voĉo: Ili kuŝas malsupre, piedpremitaj kaj ligitaj.

Kanceliero: Tio estas ribelo! tio estas revolucio!

Flavulo: Tio estas la volo de la popolo.

Nigrulo: Kaj de dio.

Flavulo: Ĉu vi subskribu la militdekreton, aŭ...

Kanceliero: Mi jam ne estas via kanceliero! vi sole faru militon! pelu landon al malfeliĉo kaj ruinigo, faru la volon de la popolo — mi ne ĉeestos tiun aferon! sed mi malkaŝos antaŭ la popolo, kiu vi estas, mi montros al ĝi, ke vi vian volon al ĝi altrudis, mi ĝin —

Flavulo: Tio estas perfido! Li estas perfidulo! Li estas subaĉetita de Turaneo!

Kanceliero: Kanajlo!

Flavulo: Li forlasas la landkondukadon ĉe tia ĝenega momento kaj volas plue inciti kontraŭ la popolestroj. Kion diros Turaneo? Ĝi mokridegos nin: disigitaj ni estas, mankas ĉe ni unueco, kaj ĝi ne bezonas timi kontraŭ ni. Nun ĝi povos fari kontraŭ ni laŭ sia deziro. Hieraŭ ĝi ekkaptis niajn azenojn, morgaŭ ĝi nian landon forprenos. — Li estas subaĉetita de Turaneo!

Amaso: Ĉu estas tiel? Ĉu estas tiel?

Flavulo: Do vi vidas, li nenion povas diri por sia defendo. La perfido povas esti vidata en liaj okuloj. Ho, tial oni rimarkis lin antaŭhieraŭ kun la Turanea sendito sur la malantaŭa ŝtuparo de lia palaco!

Amaso (ĉirkaŭrigardas tute afektita): Ho! ho! ho!

Grizulo (metas sian pezan manon sur la ŝultron de la kanceliero): Tiel estas al vi?

Nigrulo: Perfidulo devas ricevi perfidulan finon!

Flavulo: Elkonduku lin al la popolo. La tuta popolo ekkonu, kiu estis ĝia reganto.

Voĉoj: Konduku lin! konduku lin!

Flavulo: Venu frato!

Bluulo: Surmetu al li la stultulĉapon, ĉirkaŭpendigu lin per sonoriletoj! Perfidulo!

Voĉoj: Perfidulo! perfidulo! perfidulo! perfidulo!

(Kriegado kaj fajfado.)

Nigrulo: Vox popoli, vox dei. Amên.

(Kurteno malleviĝas.)

El juda lingvo tradukis *Trinaŭkvinok.*



# Skulptisto-fantaziulo Inocento Ĵukov

N. V. NEKRASOV

Inocento Ĵukov naskiĝis en Transbajkalio (Siberio), en orminejoj de Nerĉinsk. En tiuj orminejoj pasis la junaĝjaroj de la estonta skulptisto. Montaro kovrita per arbaro, granda sinjora domo, domoj de l' oficistoj, kazernoj de la laboristoj, orlavanta maŝino kaj homformikaro apud ĝi — jen estis la unuaj impresoj de la infano. Tiutempe li unue provis krei, eltranĉante figurojn de bestoj, birdoj kaj homoj el la arbradikoj.

Inocento Ĵukov lernis en urbo Ĉita en loka gimnazio. En la kvara aŭ kvina klaso de la gimnazio li provis versi kaj ankaŭ al tiu periodo koncernas lia unua provo skulpti.

En la korto de la onklo oni fosis puton kaj elĵetis argilon. Unuafoje la argilo trafis al la manoj de Inocento Ĵukov. Aperis ekspresivaj kapetoj, kiuj elvokis admiron, ridon kaj scivolemon inter la kamaradoj — gimnazianoj.



Pli malfrue okazis en la gimnazio festo honore al la 50-jara datreveno post la morto de la fama fablisto Krilov. Por tiu ĉi festo Ĵukov skulptis buston de Krilov, lokinte sur ĝia piedestalo diversajn bestojn laŭ la temoj de Krilov-aj fabloj.

Post absolvo de la gimnazio en 1895, Ĵukov kun fratino veturis Peterburgon por studentiĝi al la universitato je histori-filologia fakultato.

Komenciĝis studenta vivo, lekcioj, novaj konatiĝoj, kunvenoj, studentaj maltrankvilaĵoj... La studentaro bolis en kaldrono de la revoluci-socialisma movado. Akra batalado okazis inter la marksanoj kaj popoluloj. Ĵukov fariĝis ortodoksa marksisto. Li prelegis referaton inter la kolegaro, parolis dum la vesperetoj kaj "sur la arton li rigardis despure malsupren": ĉu oni rajtas okupi sin pri la arto en Rusio, kiam ne estas jam findeciditaj tiom multaj gravaj fundamentaj sociproblemoj!?... Juna, bela, memofera idealismo absorbis la tutan Ĵukov — la sama idealismo, kiun travivis kaj trasentis ankaŭ Zamenhof.

Tamen somere, dum la ferioj, en vilaĝo ie apud Peterburgo, Ĵukov estis reokupiganta sin pri la skulptado. Li laboris ebrioze de mateno ĝis malfrua nokto. Tuta lia ĉambro, balkono, ĝardeno estis plenigataj de skulptaĵoj, strangaj, amuzaj, komikaj ... Li ne imitis la naturajn formojn, li fantaziis ...

En 1902 Ĵukov fariĝis instruisto de geografio. La pedagogia agado de Ĵukov daŭras ĝis nun. Pri Ĵukov-pedagogo ni parolos pli malsupre. Multan tempon kaj nervenergion forprenis la pedagogia laboro de Ĵukov, sed ankaŭ multajn ĝojojn ĝi liveris al li.

Instruante en lernejo tage, vespere Ĵukov okupadis sin pri la skulptado. En 1906 fotalbumo de la skulptaĵoj de Ĵukov trafis al rektoro de la Art-akademio skulptisto Beklemiŝev kaj al la artkritikisto Breŝko-Breŝkovski, kiu konsilis ekspozicii ĉion, kion Ĵukov havas.

Ĉe "Aŭtuna Ekspozicio" 1907 la skulptaĵoj de Ĵukov havis sukceson. En printempo 1908 la amikoj sukcesis veturigi Ĵukov al Parizo. Li pasigis tie du somermonatojn, dediĉinte sin al rigardado de la arttrezoroj en la mondurbo.



*I. Ĵukov.* — La Soleculinoj.

La fama skulptisto Rodain per sia sekretario Meunier konsilis al Ĵukov ne lerni en studio de iu "skulptmajstro": "Vi havas fortan individuecon kaj vi vane elspezos tempon por batali kontraŭ alia individueco. Havu kuraĝon labori sole. Estu via majstro la naturo mem."

Tamen depost la aŭtuno 1912 ebliĝis al Ĵukov pro stipendio liverita al li dum du jaroj restadi en Parizo, en la laborejo de la fama skulptisto Bourdelle en "Academie de la Grande Chaumière", kopiante la vivmodelojn. Havante mem fortan tendencon ne skulpti laŭ la naturo, sed krei fantaziante, li decidis dum du jaroj ne tuŝi kree la argilon, sed nur lerni.

Somere 1914, je du semajnoj antaŭ la granda milito, li revenis Rusion. La milito ĉifis ĉiujn planojn kaj rekomencigis la pedagogian laboron, necesan por nutri la familion.

La revolucion Ĵukov renkontis en Siberio. Tie li trasentis ĉiujn ĝiajn fazojn. Kiam estis kreita la bufra ŝtato Ekstrem-Orienta Respubliko, en 1921, Ĵukov skulptis grandan projekton — Monumenton de la Revolucio — kaj la Registaro de la respubliko sendis ĝin kiel donacon al la Konsilantaro de Popolaj Komisaroj de RSFSR okaze de la kvarjara datreveno de la Oktobra Revolucio.

Nun Ĵukov loĝas kaj laboras en Moskvo.

* * *

Analizante la kre-motivojn de Ĵukov, oni devas antaŭ ĉio konstati akran diferencon inter lia skulpta maniero kaj la akademia skulptarto. Ĉefaĵo, kiu karakterizas Ĵukov en liaj verkoj, estas la eksterordinara kapablo reflekti

en la argilo la animemociojn. Ĵukov malatentas en siaj verkoj ĉion, kio malhelpas al la ideo — ekzemple vestaĵon — kaj ĉion kuncentrigas por esprimi la karakteron de la skulptata tipo.

Tre multaj verkoj de Ĵukov bonege travsformas la tipajn subjektajn trajtojn el la popola moraro. Kaj ankoraŭ pli multaj verkoj prezentas esprimplenajn emociojn de homo en formo de fantaziaj bestoj, birdoj ktp.

Iuj scivolemuloj demandis Ĵukov, kial li esprimas siajn ideojn en formo de birdoj. Ĵukov ridetante respondis: "Ĉar mia animo iam estis ankaŭ birdo..." Kaj Ĵukov homecigis la birdojn, kreis ian specialan mutan birdan lingvon, — liaj birdoj parolas, grimacas kaj havas ĉiujn homajn ecojn.

Jen ekzemple estas pezega birdo kun porkeca vizaĝo, nomo de la skulptaĵo: "Guberniestro". La skulptaĵo estis farita dum la cara reĝimo kaj pro politikaj kaŭzoj ne estis eble la nomon skribi ruse, tial ĝi estas skribita per latinaj literoj.

Jen estas du birdoj, ploremaj, malgajaj, dense alpremiĝintaj unu kontraŭ la alia. Estas "La soleculinoj". Kaj ilia efektiva soleco estas tiom forte esprimita, ke mankas iu ajn baro aŭ embaraso por tuj percepti la intencitan ideon.



*I. Ĵukov.* — Laceco.

Multaj, multegaj bildoj de birdoj ekstaras antaŭ vi el inter la argilaĵoj de Ĵukov: jen ruzete ridetantaj, jen kontente bonhumoraj, jen scivoleme-naivecaj, jen ofendite indignaj — ĉiuj ekstreme ekspresivaj kaj enmemoriĝantaj...

La karakterizaj skulptaĵoj de Ĵukov estis tre popularaj, antaŭ la milito estis disvastigitaj ne malpli ol 300 000 ekzempleroj da poŝtkartoj kun fotoreproduktitaj bildoj de la skulptaĵoj.

* * *

Tamen la plej originala estas la interna motivo de la kreado en la skulptarto de Inocento Ĵukov. Ĝi estas la vojo de lia fantazio.

Iam Ĵukov kreis kriplan figuron de ventroza nano — dio de feliĉo "Jermoŝka". Kaj al kriplaj, malbelaj formoj li enblovis "la plej belegan, kio ekzistas sur la tero — la homan animon". En formoj de tiu ĉi "Jermoŝka" Ĵukov reprezentis (laŭ sia ideo) la tutan karakteron de la homaro, kiu estas juna kaj ne povas piediri, sed iam poste plireskos kaj ekposedos la teron semante la feliĉon.

Nun Ĵukov pensas, ke depost 1917 "Jermoŝka" estas brava juna knabo gaje ridetanta. La knabo kreskos pli, al li ne plu necesos vartado — la

homaro ne bezonos plu regsistemon kaj estos liberkonscia, maturaĝa laborulo. Ĝuste tiel skulptus Ĵukov la novan "Jermoŝka".

En 1921 en Ĉita Ĵukov presigis (en rusa lingvo kaj samtempe en esperanta traduko) interesan poemon "kastelo de mia animo", kie li esprimis la tutan mondon de siaj strangaj fantazioj.

* * *

Ĵukov persone konas esperanton, dufoje li provis mem studi ĝin, sed diversaj kaŭzoj ne permesis al li finplenumi sian intencon ellerni ĝin. Krom la nomita pli supre broŝuro "kastelo de mia animo", aperinta dulingve (en la rusa kaj en esperanto), Ĵukov citas esperanton en sia alia libreto "Vojaĝo de la junpionira taĉmento de la Ruĝa Stelo en la landon de mirakloj" — fantazia rakonto por la geknaboj. Ĵukov priskribas aventurojn de tiu taĉmento, subite sin retrovinta en lando de l' Estonteco kun ĉiuj ĝiaj teknikaj perfektaĵoj. Okazas kongreso de la junaj pioniroj, kaj esperanto estas vaste uzata de la gastoj el diversaj mondpartoj. Ĉio evidentiĝas nur sonĝo, sed la infanoj revekiĝinte konkludas:

— Kaj tamen estas malbone, ke ni ne scias la lingvon esperanto, ja ĝi estas neanstataŭebla por la internaciaj kongresoj!...

Certe estas granda merito de Ĵukov antaŭ esperanto, ke li ne evitis okazon ĝin propagandi en populara libro.



*I. Jukov.* — Ankaŭ en nian vilaĝon aeroplano alflugis...

* * *

Laŭ propra konfeso de Ĵukov, intereson al esperanto vekis en li la skoltisma movado, pri kiu Ĵukov speciale okupis sin dum certa tempo. Kiel profesia pedagogo, amanta la infanaron kaj reamata de ĝi reciproke, Ĵukov entuziasmiĝis per la skoltismo kaj multe klopodis por ĝi. Tiurilate li publigis multajn projektojn kaj prospektojn. Unu el ili sub titolo: "I. N. Ĵukov. — La skoltismo malĝustigita kaj ĝusta" aperis ankaŭ en esperanto en aprilo 1921 en Ĉita.

Por ilustri la tutan originalecon de la tiudirekta pensmaniero de Ĵukov, ni citu tie ĉi unu alian prospekton de Ĵukov sub titolo "Pedagogiaj paradoksoj kaj prognozoj de la estonta pedagogio", prezentitan de li al la Popola Komisariato de Klerigo de RSFSR kiel fantazia projekto krei ĉe la ĉefa edukadministrejo etat-oficon de Robinson Crusoe kun lia helpanto Vendredo. La projekto antaŭvidas organizon de grandioza mondekspedicio de ĉiulandaj skoltoj por esplori naturscience Afrikon, aranĝon de konkurado kun ampleksaj programoj de instruivaj lecionoj, kun premioj konsistantaj el eskadro da submarinoj, flotilio da aeroplanoj, brigado da aŭtomobiloj ktp.

Tutkompreneble, tia fantazia plano estis kaj restos neefektivigebla. Sed ĝi montras grandan kapablon al malproksima perspektiv-sento, kiu estas propra al Inocento Ĵukov. Kaj malgraŭ ĉio, parteto de la laboro de Ĵukov sur la kampo de pedagogio restas floranta kaj utila. La skolta movado, kiun unu el la unuaj rusaj antaŭrevoluciaj pedagogoj aliĝis Ĵukov, nun disvastiĝas larĝe, fariĝante amasa, tra la tuta Sovet-Unio, purigita de ĝiaj negativaj flankoj — kiel nova libera junpionira movado. La vorto "junpioniro" diference de la "knabo-skolto" fariĝis tutmonde konata, kiel diferencigo de la proletaria laboreduka infanar-organizado kontraŭ la burĝa militarista. Kaj tiu ĉi vorto "junpioniro" estas elpensaĵo de Ĵukov.

* * *

Nuntempe Ĵukov laboras precipe kiel la skulptisto. Novaj trajtoj aldoniĝis al lia arto. Pli seriozaj kaj fortoplenaj estas la fizionomioj, kreataj de Ĵukov. Preskaŭ ne plu li skulptas mienojn ruzaĉajn, trivialajn, friponajn. Jen energia vizaĝo de la ruĝarmeano, jen severaj mienoj de la anglaj ministoj strikantaj, jen bona strečita esprimo de laboristino... La antaŭrevoluciajn tipojn anstataŭis novaj herooj, konformaj al la nova epoko...

Venis nova etapo, etapo de la forta konsciplena kreado, severa revolucia konstruado.



# PAŜO AL SCIENCA PEDAGOGIO

*M. ZARECKI*

Dum multaj jarcentoj la plej bonaj mensoj de la pedagogoj estas okupitaj per la penso pri tio, kiel estas plej bone organizebla la pedagogia laboro en la lernejoj. El la tuta homa sciaro estis selektita negranda parto da plej necesa kaj samtempe sufiĉe facila, por ke la infanoj povu ĝin percepti. Tiu ĉi selektita lerna materialo estas distribuata en tiu aŭ alia ordo kaj estas prezentata al la infanoj kun helpo de tiuj aŭ aliaj metodoj. Tamen, ĝis la plej lasta tempo ne ekzistis manieroj liverantaj eblecon sufiĉe konvinkiĝe certiĝi pri la preferindeco de tiuj aŭ aliaj metodoj, ĉar la rezultoj de la laboro en la lernejo estis taksataj surface. Ĉiu el' la legantoj, verŝajne, rememoras okazojn el sia lerneja vivo, kiam la instruistoj subjektive taksis scion de siaj lernintoj. Jam ne estas parolinde pri tio, ke la instruistoj ofte eraras, iufoje ili estas nesufiĉe skrupulemaj. Ja ne estas sekreto, ke ekzistas instruistoj, kiuj la infanojn de altpostenaj personoj taksas flathumilaĉe. Estis starigitaj eksperimentoj, kiuj pruvis, ke la saman laboron diversaj instruistoj taksis tre diversmaniere — kaj tio estis eĉ dum absoluta bonskrupuleco de la instruistoj.

Kiel por la scienca pedagogio, tiel ankaŭ por la ĉiutaga praktiko necesas lerni objektive taksi atingojn de la lernantoj, samkiel en la uzino objektive kun helpo de mezurinstrumentoj oni taksas la precizecon en prilaborado de la produktaĵo.

Tia maniero estas inventita antaŭ du-tri jardekoj en Usono. Tiu ĉi maniero estas nomata testado de la atingoj.

Jam delonge ekzistas testoj, kun kies helpo estas mezurata kapableco aŭ talenteco de la infanoj. Poste aperis specialaj testoj por provi la teknikan kapablecon aŭ talentecon je certaj profesioj; ili nomiĝas psikoteknikaj testoj. Nun ni havas ankaŭ sufiĉe kontrolitajn testojn de atingoj. Tiuj ĉi lastaj do povas servi por mezuri la atingojn de la lernantoj je diversaj sciencoj.

La testoj de atingoj estas diversaj laŭ sia formo, kio dependas kiel la objekto instruata, tiel ankaŭ de la ideoj de la testaŭtoro, kaj ankaŭ de kelkaj aliaj cirkonstancoj.

Jen ekzemple testoj por aritmetikaj kalkuloj. Ni supozu, ke ni deziras scii, kiel la lernantoj sukcesis ekposedi la teknikon adicii kompletajn nombrojn. Ni donas al ili aron da egale malfacilaj adicioj, ekzemple 20 kalkulojn po 7 triciferaj nombroj en ĉiu. Ĉiuj nombroj por tiuj ĉi adicioj estas akurate selektitaj de la pedagogoj kaj psikologoj, ĉar de la nombroj mem povas dependi la rezultoj. Tiuj ĉi ekzemploj estas presataj sur paperfolioj kaj disdonataj al la infanoj. Laŭ la signo de la instruisto ĉiuj infanoj de la grupo komencas samtempe solvi la ekzemplojn. Tempo estas donata nemulta kaj jam post kelkaj minutoj la instruisto faras signon ĉesigi la laboron. Nun oni rigardas, kiu kiom sukcesis fari ekzemple dum 5 aŭ 10

minutoj kaj kiun procenton da ĝustaj respondoj ĉiu havas. Tiamaniere, ni ricevas por ĉiu lernanto noton pri rapideco kaj kvalito de la laboro. Oni povas elkalkuli mezajn notojn por la klaso, por tuta urbo aŭ eĉ por tuta ŝtato (kompreneble, laŭ ĉiu klaso aparte). Tiaj mezaj notoj por granda kvanto da infanoj je kelkaj miloj, kaj iufoje je kelkaj mildekoj, estas nomataj standartoj. Tiamaniere, en la pedagogio, diference de la tekniko, la standartoj estas starigataj ne de la ŝtataj organoj aŭ de la kongresoj specialistaj, sed la vivo mem. En la pedagogio tio estas ne arbitraj normoj, sed fakte mezaj atingogradoj de la infanoj.

Iufoje la pedagogoj rifuzas mezuron de la rapideco, ĉar la komando "komencu!" kaj "halt!" kaj ankaŭ la rapideco nervigas la infanojn, kio reflektiĝas sur la kvalito. Tiam la testo estas donata por pli granda tempo (la testo mem estas mallongigebla), tiamaniere ke preskaŭ ĉiuj lernantoj sukcesas ĉion fari kaj eĉ kontroli sian laboron. Tia ekzameno tre similas ordinaran lecionon, sed kompreneble sen ĉia helpo al la lernanto deflanke.

Por la matematiko ekzistas ankaŭ alispecaj testoj, kiuj servas por kapti, kial la lernanto eraras en plenumado de la matematikaj operacioj, kio ĝuste lin malfaciligas. Tiaj testoj starigas diagnozon de "malsanoj" de la lernanto, kaj pro tio ili nomiĝas diagnostikaj.

Same ekzistas testoj je solvado de taskoj k. a.

Por instruado de la lingvo (patra kaj fremda) ankaŭ ekzistas testoj je rapideco kaj ĝusteco de la legado kaj komprenado de la tralegita teksto, je riĉeco en vortarprovizo de la lernanto, je kono de gramatikaj reguloj, je ortografio k. a. Laŭ sia formo tiuj ĉi testoj tre diferenciĝas inter si kaj ĉiu formo havas siajn pozitivajn kaj negativajn flankojn.

Jen estas unu el multenombraj specimenoj de la testoj je komprenado de la legaĵo: "Li estis malbona reganto, kiu kune kun sia ankoraŭ pli malbona filo premegis kaj ofendadis la popolon diversmaniere. — Se la popolo devas ĉagreniĝi en okazo de morto de la reganto kaj lia filo, vi substreku la vorton *reganto;* se ĝi devas ĝoji, trastreku tiun ĉi vorton". La lernanto traleginte tiun ĉi fragmenton devas plenumi tion, kio estas indikita en la dua parto de la testo. Li faros ĉi tion ĝuste nur en tiu okazo, se li bone komprenis kiel la fragmenton, tiel ankaŭ la instrukcion.

La testoj je scio tute ne similas la matematikajn testojn. Tiuj ĉi testoj je scio de naturscienco, historio, geografio kaj aliaj sciencoj havas du fundamentajn kategoriojn: rektaj demandoj kaj demandoj kun pretaj respondoj. Jen estas ekzemplo de testo en formo de rekta demando: "Nomu du vojojn, per kiuj la farmisto akcelas ke ni havu nutraĵon" (el la amerikaj testoj).

Por ricevi plenan valortakson je tiu ĉi demando, la lernanto devas doni respondojn similajn al la sekvanta: "li semas kaj rikoltas la grenon"; "li edukas la brutaron kaj kulturigas la teron". Kiel duonĝusta respondo estas opiniata la indiko je unu speco de la farmista laboro. Listo de modelaj ĝustaj kaj malĝustaj respondoj ofte estas aldonataj al la testo, por malpligrandigi la disponrolon de la instruisto. La testoj de rekta respondo memorigas pri ordinaraj lernejaj demandoj kaj en tio ĉi kuŝas ilia pozitiva flanko, sed ofte estas malfacile antaŭvidi ĉiaspecajn respondojn de la lernantoj. Povas okazi, kiam lernanto donas tian respondon, ke unu taksanto opinios ĝin ĝusta, dum la alia nur duonĝusta aŭ eĉ malĝusta. Tio ĉi precipe povas okazi al demandoj pli komplikaj, respondoj por kiuj devas esti donataj en formo de longa frazo. Tial tre ofte estas aplikataj la elektaj testoj, kiam

al la lernanto estas donataj demando kaj kelkaj pretaj respondoj por ĝi, el kiuj unu nur ĝusta kaj la ceteraj malĝustaj (la lernanto estas antaŭsciigata pri tio). Al la lernanto restas nur substreki la ĝustan respondon.

Jen ekzemplo de tia testo: "Inter la bestoj okazas batalo, precipe ĉar: a) laŭ sia naturo unuj bestoj ne toleras aliajn, b) por ĉiuj bestoj mankas nutraĵo, tial ke la bestoj tre multobliĝas, c) la bestoj timas, ke aliaj bestoj ofendos iliajn idojn" (el la testoj de la Scienc-metoda laboratorio de Moskva Fako por Profesia Edukado).

La lernanto en tiu ĉi okazo devas substreki la respondon "b". Por tiaj testoj eblas hazardaj ĝustaj respondoj, sed tio ĉi estas konsiderata dum la resumado (sur bazo de la matematikaj leĝoj de la probableco). Krome, je tiaj testoj la lernantoj laboras 3-4-oble pli rapide, ol je la rektaj demandoj; do dum la sama tempo je la testo kun pretaj respondoj oni povas doni 3-4-oble pli multajn demandojn.

Mi tute ne haltiĝu je la testoj aliformaj; mi montru nur, ke la pedagogio jam ellaboris plurajn rimedojn kontraŭ tiuj aŭ aliaj mankoj, evidentigataj de la testoj de atingoj. La kvanto de la "kuraciloj" estas ankoraŭ malgranda, samkiel malgranda ankoraŭ estas la kvanto de elstuditaj "malsanoj", sed tio, kio estas jam farita, sen dubigo pruvas ĝustecon de la elektita vojo.

Ne ĉiuj tamen pedagogoj opinias la testojn de atingoj utila entrepreno. La aliaj, konsiderante ĝin kiel utila, estas konvinkitaj, ke la testoj estas ankoraŭ ne tiom perfektaj por aplikadi ilin en la lernejo.

Jen estas la plej gravaj argumentoj kontraŭ la testoj.

Oni indikas, ke la testoj mekanizas la kalkuladon de la atingoj ĉe la lernanto. Dum la ordinara demandado al la lernanto por evidentigo de liaj konoj la instruisto estas kreanto; li adaptiĝas al la lernanto, al lia humoro kaj al liaj scioj. La adeptoj de la testoj respondas: ĉio ĉi necesas dum instruado, sed ne dum scimezuro. Ja por difini, ĉu sufiĉe progresis la lernanto aŭ ne, necesas kompari lin se ne kun la tuturba standarto, do almenaŭ kun la meza sukceseco de la klaso. Sed kiel oni povas kompari la lernantojn, se ĉiun lernanton oni demandas diversmaniere.

La kontraŭuloj de la testoj diras: per la testoj oni ne povas konstati ĉiujn atingojn de la lernanto, ekzemple lian krefantazion, lian stilon en verkoj ktp. La adeptoj respondas: nun ne ĉion ankoraŭ oni povas konstati kun helpo de la testoj, sed ĉu io ajn povas tuj ricevi absolutan perfektecon. Neniu mezurinstrumento (kaj tiaj estas la testoj) estis siatempe same perfekta kiel nun, tamen ĝi estis aplikata.

Kontraŭ la testoj: per unu testo riceviĝas unuj rezultoj, per la alia — aliaj. Respondo al tiu ĉi aserto: ekzistas testoj por la samaj povoj, kiuj konformiĝas en siaj montroj je 80% kaj pli. Ĝuste tiajn kontrolitajn testojn do oni devas aplikadi. Kio koncernas nekontrolitajn testojn, do oni devas ilin apliki nur en specialaj okazoj, kiam aliaj, pli bonaj ekzamenmetodoj mankas.

Kontraŭ la testoj estas prezentataj ankoraŭ kelkaj malpli gravaj argumentoj, sed preskaŭ ĉiuj ili ne povas ŝanceligi la ĝustecon de la tezo, ke la testoj de atingoj estas nuntempe la plej bonaj el ĉiuj ekzistantaj metodoj por taksado de la scioj ĉe la lernanto.

La testoj de atingoj havas certe ankaŭ negativajn flankojn, sed la pozitivaj kontraŭpezas pli. Jen la plej gravaj el ili:

1. Ili estas objektivaj; la rezultoj de ekzameno per la testoj ne dependas de la taksanto, de lia hazarda stato de laco aŭ viglo ktp.

2. Ili estas simplaj en aplikado kaj liveras samtempe eblecon dum mallonga limtempo esplori povojn kaj sciojn laŭ vasta kurso.

3. Ili metas ĉiujn lernantojn en egalajn kondiĉojn. Tio ĉi liveras eblecon dedukti la mezajn konkludojn kaj standartojn. Tio ĉi ankaŭ forigas la eblecon, ke lernantoj akuzu la instruistojn pri maljusteco, supozante, ke al unu lernanto trafis facila demando kaj al la alia — malfacila.

4. Ili dokumentigas la taksadon de la atingoj. Ĉiaspecaj malkomprenaĵoj povas esti studataj laŭ la testaj folioj.

Tuta aro da aliaj pozitivaj flankoj havas mallarĝe pedagogian karakteron kaj tie ĉi oni povas ilin ne tuŝi.

Por pravigi la testojn estas plej bone montri la praktikon. En Ameriko ili ricevis tre larĝan aplikadon, same ankaŭ en Anglio. En Usonaj pedagogiaj superaj lernejoj ekzistas specialaj katedroj por la testoj. Tie estas eldonataj multaj libroj kaj gazetoj dediĉitaj al la pedagogiaj mezuradoj. Nuntempe la testoj de atingoj komencas disvastiĝi en Sovet-Unio, la lando kiu atenteme aŭskultas ĉion progresivan, kio ekzistas en la burĝaj ŝtatoj. En Sovet-Unio ne estas transprenataj la pretaj specimenoj de la usonaj testoj, sed nur iliaj principoj. Eksperimentoj de testado estis farataj ankaŭ en aliaj landoj, eĉ en Ĉinio. La testoj de atingoj trovas aplikon por si en komencaj, mezaj kaj superaj lernejoj. Kaj ĉie, kie la instruistoj sufiĉe proksime ekkonas la testojn, ili kun pli aŭ malpli grandaj kondiĉesceptoj akceptas ilin.

La problemo pri la testoj de atingoj estas ne nur la problemo de la pedagogia scienco, ĝi estas same la problemo de la pedagogia praktiko kaj sekve la problemo socia. La progresivaj laboristoj, interesiĝantaj pri la afero de la edukado, devas ekinteresiĝi ankaŭ pri tiu ĉi problemo kaj postuli, ke la lernejo donu ĝustan takson de sia produktado; ke la metodeca rilato al la lernanto baziĝu ne sur la "sento" de la instruisto, dependanta de tiom multaj personaj, hejmaj kaj aliaj cirkonstancoj, sed sur la objektiva mezurado de la atingoj ĉe la lernanto; ke niaj infanoj ne ricevu plifoje kaŭzon por aserti: "Kiomgrade la maturaĝuloj iufoje estas maljustaj kaj kiom ofte ili eraras!"



## Korekto

Pro eraro de la preseja korektisto en n-o 8 (44) de "Senn. Revuo", pĝ. 130—132, ĉiufoje la nomo "Dalton" estas erare presita: "Daltin".



# Tarifo de Sennaciulo

(La unua nombro montras jarabonon por membroj de SAT; la dua en krampoj montras la jarabonon por nemembroj. Ni ankaŭ akceptas ¼-jaran abonon)

Argentino, pes. 5 (6); Aŭstrio, ŝil. 10 (12); Belgio, belgo 10 (12); Brazilio, milrejs. 15 (18); Britio, ŝil. 8 (9); Bulgario, lev. 200 (250); Ĉekoslovakio, kr. 50 (60); Danio, kr. 8 (10); Estonio, mk. 700 (800); Finnlando, mk. 70 (80); Francio, fr. 35 (40); Germanio, mk. 8 (9); Hispanio, pes. 10 (12); Hungario, peng. 8 (10); Italio, lir. 40 (45); Japanio, jen. 4 (5); Jugoslavio, din. 100 (120); Latvio, lat. 8 (10); Litovio, lid. 15 (20); Nederlando, guld. 5 (6); Norvegio, kr. 8 (9); Polio, zlot. 12 (15); Portugalio, esk. 35 (40); Rumanio, lej. 300 (350); Sovetio, rubl. 4 (4,50); Svedio, kr. 8 (9); Svisio, fr. 10 (12); Usono, dol. 2 (2,50).

# Tarifo de Sennacieca Revuo

Argentino, pes. 2 (3); Aŭstrio, ŝil. 4 (5); Belgio, belgo 3 (4); Brazilio, milrejs. 5 (7); Britio, ŝil. 3 (4); Bulgario, lev. 100 (150); Ĉekoslovakio, kr. 20 (25); Danio, kr. 3 (4); Estonio, mk. 250 (300); Finnlando, mk. 25 (30); Francio, fr. 15 (18); Germanio, mk. 3 (4); Hispanio, pes. 4 (5); Hungario, peng. 4 (5); Italio, lir. 15 (20); Japanio, jen. 2 (2,50); Jugoslavio, din. 40 (45); Latvio, lat. 3 (4); Litovio, lid. 6 (8); Nederlando, guld. 2 (2,50); Norvegio, kr. 3 (4); Polio, zlot. 5 (7); Portugalio, esk. 12 (15); Rumanio, lej 120 (150); Sovetio, rubl. 1,50 (2); Svedio, kr. 3 (4); Svisio, fr. 4 (5); Usono, dol. 1 (1,50).

Ponumera prezo estas: 0,20 mk. g. = 0,25 fr. svis.

Pagu prefere per ŝtataj monbiletoj en registrita letero. La germanianoj pagu al poŝtĉeka konto de la Administranto n-o 6835. La abono validas nur post pago kaj povas komenciĝi kun ĉiu numero.

Preseis: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)